‚Mutig vorwärts!‘ ‚Kuraĝe antaŭen!‘

# Aŭstria Esperantisto

## (Österreichischer Esperantist)

**Oficiala organo de Aŭstria Esperanto-Asocio**

**7ª jaro. N-o 1** **Monata** **Januaro 1930**

Redaktejo kaj administrejo: Korneuburg ĉe Wien, Postfach.

Konto bei der Postsparkasse D-123.826 u. 36.783 (Sparkasse Korneuburg).

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ S 4.80, germanlandanoj RM 3.25 alilandanoj sv. fr. 4.25; ponumere: por enlandanoj 45 aŭ. g., eksterl. 55 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

Helennische Republik
Ministerium für Kultus und Unterricht
N-ro 55.527

Athen, 28. Oktober 1929.

### An die Inspektoren der öffentlichen Schulen.

Mit Bezug auf die Wichtigkeit, welche die internationale Sprache Esperanto täglich erweist, haben wir durch einander folgende Erlässe dem Inspektor der öffentlichen Schulen von Athen empfohlen, daß er dem Präsidenten des Helennischen Esperanto-Bundes, Herrn Dr. A. Stamatiadis gestatte, Esperanto den Schülern der Gymnasien und Lehrerinstitute in Athen und Pireus während der freien Zeit zu lehren.

In der letzten Zeit berichtete uns Dr. Stamatiadis, daß auch in anderen Städten Griechenlands Personen vorhanden sind, die den Esperanto-Unterricht übernehmen können und er bat, daß wir Ihnen empfehlen mögen, daß Sie Ihre Unterstützung geben mögen, damit der Unterricht der genannten Sprache auch bei Ihnen beginne.

Daher ersuchen wir Sie, den Direktoren der Mittelschulen Ihres Bezirkes zu empfehlen, daß sie den Schülern, die Esperanto-Unterricht wünschen, gestatten, von den Personen unterrichtet zu werden, die das Helennische Esperanto-Institut besonders auswählen wird.

Der Minister: K. Gondikas.

---

Die **National-Regierung** in Nanking hat über Antrag des Ministers für Volkserziehung Ĉaj Dzuan Pej. Rektors der Universität in Peking, beschlossen, ein Esperanto-Institut in Shanghai zu gründen.

**„Radio-Belgique“-Brüssel.** Dr. Kempeneers sprach in Esperanto am 23. November, an welchem Tage vor 6 Jahren die Station eröffnet wurde, über die Tätigkeit dieser Station seit ihrem Bestande.

Die polnische Radiozeitschrift **„Radjo“** in Warschau bringt allwöchentlich eine „Esperantoecke“, redigiert von E. Wiesenfeld.

Zur **2. Arbeiter-Olympiade** in Wien 1931 wurden soeben Garantiefondmarken in Esperanto ausgegeben und dienen zur Werbung in der ganzen Welt. („Stunde“ vom 19. XII.)

**„Internacia Pedagogia Revuo“**-Leipzig, das Organ der Esperanto sprechenden Erzieher der ganzen Welt, bringt in seiner Dezembernummer die Rede des Präsidenten Nationalrat Otto Glöckel, gehalten auf dem Erzieher-Kongreß in Helsingör über die „Schulreform in Oesterreich“.

**Tolstoi sagte:** Die Leichtigkeit der Erlernung des Esperanto ist so groß, daß, als ich eine Grammatik, ein Wörterbuch und in dieser Sprache geschriebene Artikel bekommen hatte, ich nach nicht mehr als zwei Stunden Beschäftigung damit die Möglichkeit hatte, wenn auch nicht zu schreiben, so doch frei in dieser Sprache zu lesen.

In jedem Fall sind die Opfer, die jeder Mensch unserer europäischen Welt bringt, indem er einige Zeit dem Erlernen dieser Sprache widmet, so unbedeutend und die Folgen, die sich ergeben würden, wenn alle, wenigstens die Europäer und Amerikaner, sich dieser Sprache bedienten, so riesig, daß man nicht umhin kann, diesen Versuch zu machen.

**„Poczta“**, das Organ der polnischen Postler mit 20.000 Mitgliedern, veröffentlicht einen Esperantokurs durch Schriftwechsel.

**E.-Gottesdienst mit Predigt**
in der Minoritenkirche-Wien
Sonntag, 19. Jänner, 10 Uhr.

## Ŝatataj legantoj!

Ni eniras la 7-an jaron de nia ekzisto kaj elkore okaze de Novjaro gratulas kaj dankas al niaj fidelaj abonantoj. Malfacile kaj nur kun grandaj personaj oferoj estis eble eldoni nian landan gazeton. Sed ni daŭrigas nian laboron kaj esperas, ke vi kunhelpos! Sendu diversspecajn artikolojn, interesajn tradukojn kaj notetojn, raportu pri ĉiuj okazintaĵoj en la E.-vivo. Se via sendaĵo konformas la kadron de nia gazeto kaj la loko en ĝi tion permesos, ni volonte publikigos ĝin.

Pripensu, ke landa organo multe povas helpi al nia movado, kaj nia organo faris sian devon!

Rerigardante la pasintan jaron ni povas kun fiero konstati, ke „Fondo de IEMW.“ kaj „Antaŭkongreso“ restos por ĉiamaj tempoj glorkrono en la E.- historio de Aŭstrio.

Helpu ankaŭ per abono kaj abonigo de AE.

Do al nova sukceso!

Kuraĝe antaŭen!

## Ne plenumita promeso.

En 1927 sur la tagordo de kunsido de Varsovia Urba Konsilantaro troviĝis propono bapti „Dzika“-straton per la nomo de D-ro Zamenhof, kiu tie loĝis en domo n-ro 9, helpante kiel kuracisto al multaj malriĉaj suferantoj de ĉi tiu urboparto. El tiu domo eliris en 1887 la malforta infano Esperanto, kiu fine alportis al la Varsovia kuracisto respekton kaj adoron el la tuta mondo. Certe neniu alia Varsoviano akiris tian famon kaj popularecon tutmondan kiel ĝuste la modesta aŭtoro de nia lingvo.

Ni ne scias la kaŭzon, sed fakto estas, ke la propono estis malakceptita je granda bedaŭro de la esp.-istaro kaj de la loĝantaro de tiu urbopatro, kie oni rememoras la nomon de l'bonkora doktoro kun respekto kaj amo.

En aŭgusto de la sama jaro dum la solena Postkongreso en Varsovio, kiun ĉeestis granda nombro de eksterlandanoj post Danzig, Urba Konsilantaro solene akceptis la gastojn. Saĝe kaj tre lerte nia d-ro Privat en sia brila parolado uzis la okazon por tuŝi la aferon pri „Dzika“-strato kaj en la nomo de tutmonda esp.-istaro li petis, ke oni fine donu al la granda Varsovia doktoro la merititan honoron, almenaŭ baptante la straton, en kiu li vivis kaj laboris, laŭ lia nomo. Oficiala reprezentanto de la ĉefurbo promesis, ke tiu ĉi peto de reprezentantoj de keldek nacioj estos favore prikonsiderata. Pli ol du jaroj jam pasis kaj „Zamenhof“-strato ankoraŭ ne ekzistas en Varsovio! Ni do demandas ĝian urbestaron, kial ĝi ne plenumis sian solenan promeson?

Ni nun havas du kaŭzojn por agi en tiu rilato: unue por la prestiĝo de nia movado universala, postulante rekonon de tiu per morala devigo al la Varsovia urbestraro okupiĝi pri demando, kiun ĝi promesis favore al ni solvi (alie tiu sintenado estus ofendo al nia tutmonda movado!) kaj due, nia eventuala sukceso tiurilata vole nevole devigos la majstrojn de tiu granda ĉefurbo, ŝanĝi sian ĝisnunan opinion pri nia afero, kiun ĝi ĝis nun — en kontrasto kun aliaj grandurboj — ignoris.

Estas eraro kredi, ke tiu ĉi afero estas devo de la loka, t. e. Varsovia esp.-istaro, kaj, se eĉ estus tiel, la tutmonda esp.-istaro devas helpi al niaj Varsoviaj s-anoj en ilia penado, ĉar la nomigo de strato laŭ Zamenhof estas la minimuma honorigo al nia Majstro, kiun multaj aliaj urboj jam faris. Tiurilate Varsovio — bedaŭrindege — nenion ankoraŭ faris, kaj la fakto, ke la urbo, en kiu Esperanto aperis, neniom ĝis nun kontribuis al ĝia glora aŭtoro, ni diru — ĝenas nin, se oni ne volas uzi pli fortan esprimon.

Tial la esp.-istaro el ĉiuj partoj de la mondo devas influi la Varsovian urbestraron okupiĝi pri ĉi tiu afero, kiu nun fariĝas tre aktuala, ĉar fondiĝis speciala societo de „La regiono Nalewska“ en Varsovio (al kiu apartenas „Dzika“), kiu direktas postulon al la urbestraro ŝanĝi la nomon de

tiu strato. Se la strato ne ricevus la nomon de d-ro Zamenhof, oni baptu ĝin almenaŭ per alia nomo, sed la nomo „Dzika“ (sovaĝa) ne restu“.

Al ĉi tiu postulo aliĝas nun dekmiloj da esp.-istoj el la tuta mondo kaj ni povas rompi la obstinon de la Varsovia urbestraro!

Sed la tempo urĝas kaj ni devas tuj agi, por ke oni ne nomu intertempe la straton per tuta fremda nomo!

Tial ĉiu unuopa esp.-isto sendu tuj leteron en ĝentila tono al Varsovia Urbestraro (aŭ simplan karton, 30 resp. 18 g afranko) kun peto pri nomigo de „Dzika“-strato laŭ Zamenhof.

IEMW, AEA. kaj AE. sendis apartajn leterojn.

Adreso: Rada Miejska, Warszawa, Polujo.

(Ekstrakto el alvoko de I. Lejzerowicz en Heroldo 52.)

## Zamenhof-Soleno.

(Trad. el Arbeiter-Zeitung de 28. XII. 1929.)

La laboristaj esp.-istoj de Wien antaŭ nelonge solenis la 70-an naskiĝtagon de sia granda majstro en la granda festĉambrego de la distriktestraro Meidling. Distriktestro Zanaschka salutis la festkunvenintaron, d-ro Hugo Jokl faris la festparoladon, en kiu li komparis la grandagon de Zamenhof kun tiu de Gutenberg. La prez. de Arbeiter-Esperanto-Bund (ALLE) Simon skizis programon por la estontaj celoj de la organizaĵo; li akcentis la neceson, resti plej intime ligita kun la politika partio de l'internaciismo, la socialdemokrataro. Sekvintan tagon la laboristaj esp.-istoj refoje kunvenis en Meidling, por ĉeesti la solenan inaŭguron de Zamenhof-strato. Distriktestro Zanaschka diradis, ke Meidling es'as fiera pri tio, ke al strato de tiu distrikto estas donita la nomo de l'pioniro por la internacia solidarecideo. Prez. Simon dankis la komunumon Wien pro la denova pruvo de ties rekono por la graveco de E. Li konstatis, ke ĝis nun ĉio, kio superas dekoracian rekonon, en Aŭstrio estis farata de socialdemokratoj. Ekzemple la socialdemokrata lernejkonsilantaro iniciatis la ekzamenkomisionon, la komunestraro de Wien enkondukis E.-on en plurajn lernejojn. Klatil faris alparoladon en E. Per kantado de Internacio finiĝis la simpla soleno.

Pri la sama temo ni ricevis originalraporton de ĉeestinto.

Jen:

### Inaŭguro de „Zamenhofgasse“ en Wien.

La 16-an dec., dediĉita al memoro de nia majstro, **estus** ricevinta por ni Vienaj esp.-istoj specialan solenecon, ĉar, kiel jam anoncite, en la XV. distrikto oni nomis **„Zamenhofstraton“.**

**Estus** ricevinta . . ., se la estraro de ALLE, konsciiĝinte pri la propaganda valoro kaj la fakto, ke **tia** afero koncernas la **tutan** Vienan esp.-istaron kaj ne nur specialan politike direktatan parton de ĝi. Se la estraro de ALLE do estus invitinta ankaŭ la neŭtralajn E.-societojn, la solenaĵo estus okazinta en vera senco de nia majstro kaj ne en senco pure politiktendenca. Ĉi tion ALLE estonte konsideru!

Post multfoja demandado oni fine atingis la celon de dimanĉa antaŭtagmeza ekskurso al Meidling.

**„Zamenhofgasse“**, jen ĉi tiun surskribon montranta blua-blanka ŝildeto lumas de sur novkolorigita muro. Kelkdeko da esp.-istoj staras diskutante ĉe la eniro de strato kaj iom seniluziigite rigardas la mizeran trairejon, kiun „Zamenhofstrateto“ formas. Simbolo de la tuta vivokuro de nia majstro! Mizero lin ĉirkaŭis kaj sanktigis lian memoron!

Post preskaŭ unuhora prokrasto prof. Simon faris la inaŭguran paroladon kaj dankis al la neĉeestanta distriktestro por la favoro montrita al la esp.-istoj. Post kanto de „Internacio“ la partoprenantoj (prks. 100—130) komencis disiri, kiam aperis la distriktestro. Prof. Simon do ankoraŭfoje malfermis kaj post enkondukaj vortoj donis la parolon al s-ro la distriktestro Zanaschka. Post parolado de k-do Klatil kaj finkanto prof. Simon fermis la solenon.

Sp.

Kompreneble nia redaktoro interesiĝis pri la afero kaj ricevis ĉe la magistrato la informon, ke inaŭguro de strato ne estas nun traktata kiel oficialaĵo; la partopreno de la distriktestro nur povis esti privata afero.

Atentigis nin pri la unua raporto tre distingita persono en Wien uzante la esprimon „Konscia erarigo de la laboristoj, krom tio sinornamado per fremdaj plumoj“.

Jen faktoj, antaŭ kiuj staris la redakcio de AE. Neniam AE. nefavore raportis pri agoj de lab. esp.-istoj, eĉ konstante dum jaroj preteriris trolojale atakojn de tiu flanko kontraŭ neŭtraluloj eĉ kontraŭ organizaĵoj aŭ funkciuloj. Ankaŭ ĉifoje ni nur sciigis faktojn.

Tia estas ankaŭ, ke la ekzamenkomisiono estas iniciata de s-roj P. Fr. Meŝtan kaj dir. Schamanek ĉe la tiama instruministro (kristan-sociala). La nomita lernejkonsilantaro estis demandata kaj laŭ decido en favora momento konsentante respondis. Koncerne „**ĉion**, kio superas dekoracian rekonon“ ni nur permesas al ni demandi, ĉu lektorejo en Teknika Akademio; Internacia Esperanto-Muzeo; E.-praktiko ĉe tramvojistoj, policistoj, fervojistoj, Foiro, Ministerio por Komerco, Komisiono por Fremdultrafiko en Wien kaj Niederösterreich, Trafikoficejo en Wien, hotelistoj, stenografiistoj, ĉe privataj komercistoj, en lernejoj ekster kaj katolikaj lernejoj en Wien estas **aŭ dekoraciaĵoj aŭ faritaj de socialdemokratoj?**

## Zamenhof-Honorigo per Radio.

Krom la jam menciitaj dissendis:

**„Radio Wien“**: 11. XII. Walter Smital parolis; 14. XII. „Radio Wien“, la konata ĵurnalo de la sendstacio Wien publikigis dupaĝan artikolon pri la Majstro (verk. de W. Smital) kun bildoj, krome tutpaĝan bildaron kun la bildo de l' Majstro de l' verkisto Maertelaere (donaco de la Haag-aj s-anoj), la Bulonja Flago (don. de ges. Sergeant), la libro de Z. el 1881 (don. de Lidja Zamenhof), aliaj unikaĵoj ktp. el Int. Esp.-Muzeo, aparte fotografitaj de Ravag en Prunksaal de National-Bibliothek (nun ekspozicio de IEMW); la 19. XII. la stacio **dissendis la bildon de l' Majstro** kaj ni ĝojas, ke ĵus el Wien la **unuan fojon** la bildo de D-ro Esperanto estis dissendata. Publike ni dankas ĉi tie al la sendstacio.

**„Radio-Belgique“-Bruxelles**: 17. XII. parolis d-ro Kempeneers franclingve pri Z. Sekvis dekminuta koncerto en Esp.

**Polskie Radio-Warszawa“**: 15. XII. parolis E. Wiesenfeld.

**„Radio-stacio-Riga“**: 15. 12. prelego.

## Oxford.

Fama pro sia antikva universitato kaj ĉarma pro sia beleco kaj ĉirkaŭaĵo.

La fama angla poeto Keats diris: „Tiu ĉi Oxford, sendube estas la plej bela urbo en la mondo — ĝi estas plena je antikvaj gotaj konstruaĵoj — turoj pintaj kaj senpintaj — kolegiaj kortoj — arkaĵaroj promenejaj — boskoj ktp. kaj estas ĉirkaŭita de pli multaj klaraj riveretoj ol mi iam vidis kunaj.“

Nun vi havos ĉijare la okazon vidi Oxford; aliĝu nur al XXII-a sed plej eble baldaŭ. Ĝi okazos 2.-9. aŭgusto.

**Adreso por leteroj;** Sekretario, 22-a Kongreso de Esperanto, 142 High Holborn, London WC. 1.

**Kotizo;** 25 sv. fr. ĝis la 1. julio; post tiu dato duonon pli.

**Aliĝiloj** haveblaj pere de AE kaj LKK.

**Proksimumaj prezoj**: Hoteloj: lito kun matenmanĝo 7-14 britaj ŝ. (br. ŝ. valoras aŭ $ 1.80); privataj domoj br. ŝ. 5-7½; lunĉo en restoracio 2½-3½ br. ŝ., simpla jam de 1½-2 ŝ; temanĝo 9 d- 2 br. ŝ.; vespermanĝo 1½-5 br. ŝ.

**Oficiala organo**: International Language de januaro ĝis aŭgusto senpage al ĉiu kongresano.

Jam aliĝis 116 personoj el 7 landoj.

C. C. Goldsmith, sekretario.

**Antaŭkongreso al 22-a** okazos en Belgujo. Belga Ligo Esperantista aranĝos ĝin kun vizito al la ekspozicioj en Antwerpen kaj Liège. Detaloj sekvos.

**Demandoj kun aldonita respondafranko estas tuj respondataj!**

### Notu

kiuj kongresoj okazos en 1930 kaj estu vizitotaj de vi!

Universala-Oxford (2. — 9. aŭg.)
Universala Katolika-Budapest (ankaŭ en somero, dato ne fiksita).
19. Germana-Dresden (Pentekoste).
9. Aŭstria-Linz (29. —31. julio).

### IX-a Aŭstria E.-Kongreso.

Linz a. D., 29.—31. julio 1930.

I-a bulteno.

### Alvoko al la esp.-istaro de Aŭstrio kaj eksterlando!

La unuan fojon en la historio de E. nia urbo vidos tian grandan manifestacion esp.-istan.

Ankoraŭ regas en multaj kleraj rondoj ĉi tie antaŭjuĝo. Tial la IX-a fariĝu brila kaj impona per multnombra partopreno. Ni subtenataj de la fremdultrafikoficejoj ĉion aranĝos por agrabligi vian restadon en Linz. Vi ne nur trovos ĉe ni gastaman popolon, vi ankaŭ vidos modernan, evoluiĝantan urbon en mezo de belega ĉirkaŭaĵo, urbon, kiu pligrandiĝis depost milit-fino de 93.000 al 112.000 enloĝanto.

Pro tio prenu vian libertempon fine de julio; vizitu la kongreson kaj poste nian belegan lagoregionon de Salzkammergut, la montojn de Mühlviertel kaj Böhmerwald kaj la danuban valon en Wachaŭ. Gekongresanoj de Oxford kaj Budapest, ankaŭ vi venu laŭ ebleco! Specialan inviton al la ges-anoj en la najbaraj Sudbohemujo kaj Bavarujo. Novjaro 1930. LKK.

**Loka Kongres-Komitato** (LKK): Prez. dir. K. P. Wanneck, sekr. R. Ulbrich, kas. J. Mras, por specialaj aferoj inp. M. Meisleder. Adreso de LKK.: Linz, Weißenwolfstraße 31.

**Provizora programo:**

**29.** VII. (mardo): Alveno de la kongresano, event. gvidado por fruvenintoj: salutvespero.

**30.** VII. atgm. kaj ptgm. laborkunsidoj; vesp. Solena malfermo de IX-a.

31. VII. atgm. fino de la laborkunsidoj; gvidadoj; ptgm. ekskurso al Pöstlingberg: vesp. adiaŭfesto.

**Aliĝoj:** Plifaciligu nian laboron per tuja aliĝo. Enpagu la kongreskotizon en Aŭstrio per grizaj poŝtĉekoj, riceveblaj en ĉiu poŝtoficejo al „Konto A 2612. Allgemeine Sparkasse Linz a.d.D.“ kaj notu sur „Erlagschein“ dorsflanke „6012/41787-Esperanto“. Pago en letero per respondkuponoj aŭ poŝtmarkoj same ebla.

**Kotizo:** 2 S aŭ 10 Kĉ aŭ 2 Rm, studentoj kaj senlaboruloj la duonon. Donacoj ne estos rifuzataj kaj la nomoj de la donacintoj estos publikigataj en AE. Pliaj detaloj sekvos. LKK.

### Intern. Scienca Asocio Esperantista.

Sekcio pri la teknikaj vortaroj:

S-ro W. Harvey, 17, St. Clair Terrace, Edinburgh prilaboras **golf-terminaron**. Kompetentuloj kunlaboru!

S-ro Francisco Azorin, Claudio Marcelo 18 en Cordoba verkis terminaron pri **arkitekturo**, serĉas samprofesiulojn en Anglujo kaj Germanujo por kompletigi ĝin.

S-ro Jules Serlet en Bern starigis **menulibron**, bona helpilo por hotelistoj, kelneroj kaj la gastoj; treege interesa la fakvortaro de la manĝaĵoj.

En **La Fervojisto, La Interligilo de PTT** kaj **Int. Medicina Revuo** estas daŭrigataj la publikigoj de **fakaj vortaroj.**

S-ro Masanobu Hadano eldonis **Leksikonon de Kemio kaj Farmacio japana-esperanta.**

S-ro Tutomu Maeda, prof. ĉe „Instituto por fizikaj kaj kemiaj esploroj“ en Tokio starigis **Koloidkemian terminaron** kun tradukoj angla, franca kaj germana kaj publikigis jus la duan eldonon.

S-ro Anton Czubrynski starigis liston de E.-nomoj de 90 **Konstelacioj** kune kun latina nomo kaj la mallongiĝoj akceptitaj dum astronomia kongreso de 1922.

**Arbeiter - Esperantist** publikigas **Foto-fakvortaron** kune kun tradukoj franca kaj germana.

**Grupo de Leipzigaj instruistoj-esperantistoj** sub direkto de L. K. s-ro Bennemann prilaboras terminojn de **psikologio kaj pedagogio** kaj najbaraj sciencoj, necesaj por tiaj celoj.

S-ro Rollet de l' Isle, Paris komencis en **Bulteno de Int. Scienca Asocio** publikigadon de **Scienca Fundamenta Esperanta Terminaro.** Li intencas kunigi ĉiujn terminojn, kiuj jam de longe uzitaj povas esti prezentataj al

Akademio por oficialigo. Estas pretaj por publikigado: **Matematikaj Sciencoj** (Aritmetiko, Algebro, Analitiko, Geometrio, Trigonometrio), **Fizikaj Sciencoj** (Fiziko, Kemio), **Astronomio**. Redakto de **Fiziko de la Tero** (Geografio, Oceanografio, Meteorologio) estas komencita.

Ekzistas ĝis nun: **41 presitaĵoj** (6 terminaroj laŭ formo de teksto, 28 laŭ formo de vortaro kaj 7 aldonitaj al plurlingvaj vortaroj), **50 manuskriptoj.** Rollet de l' Isle, direktoro.

## Int. Esperanto-Muzeo, Wien

I., Augustinerstraße 7.

Ĉiam, se ankaŭ nur iom, la eldonejoj, gazetoj, verkintoj kaj aliaj s-anoj el diversaj partoj de la mondo konsciis, kiel grava estas la subteno al IEMW, kaj sendas materialon. Ankaŭ venis pakaĵo de Leono Zamenhof. En venonta numero ni citos la eldonejojn, gazetojn kaj verkintojn, kiuj promesis sendi regule siajn presaĵojn. Bedaŭrinde el Aŭstria nun venas malmulta materialo.

**Materialo ricevita:**

211. nekonata, 212. The Institute of Physical & Chemical, Tokio; 213. Tutomu T. Maeda, Tokio; 214. d-rino Zofjia Zamenhof, Warszawa; 215. F. Watzinger, Villach; 416. Dreves Uitterdijk, Hilversum; 217. E.-Verein f. Steiermark, Gruppe Graz; 218. Prof. E. Brabbée, Wien; 219. Jacinto Comella, Vich (Hisp.); 220. Prof. Schmalzl, Weiden; 221. N. Hohlov, Moskva; 222. L. Chiba, Wien; 223. d-ro L. Dreher, Krakow; 224. d-ro Robin, Warszawa; 225. Hilda Drezen, Tallinn (Estonio); 226. W. Merrick, Shepperton; 227. E. Franceski, Sarajewo; 228. T. Deiber, Orel (USSR); 229, Kuk Simoni, Tirani (Albanujo); 230. Centrale Boekhandel, Hago; 231. J. Richter, Bratislava; 232. Prof. M. Hiesel, Klosterneuburg; 233. Käte Haselbauer, Braunau a. I.; 234. Dora Lendel, Potsdam; 235. d-ro Briquet, Lille; 236. A. Benders, Konstanz; 237. Eskulapida Klubo, Tokio; 238. Friedrich Ellersiek, Berlin; 239. Prof. P. Christaller, Stuttgart; 240. D-ro J. Takacs, Nagymaros.

## Eĥoj al „Malfermo de IEMW".

**„Oficiala Bulteno de Asocio Strasburga de E.":**

„Prezidanto de Ŝtato faras paroladon en E. Antaŭ la XXI-a okazis Antaŭkongreso en Wien, dum kiu la ŝtata Internacia Esperanto Muzeo estis malfermata. Je tiu okazo s-ro Miklas, la prezidanto de la Aŭstria Respubliko faris paroladon, unue germanlingve kaj poste en klara, bonsonanta Esp. Tondra aplaŭdego sekvis al tiu por la E.-movado tre grava parolado."

**„Daily Herald"-London** (eldonkv. 500.000, 6. IX. 29.) publikigis ekstrakton el la parolado de Prezidanto Miklas.

**Delegitino de Danzig**, f-ino Käthe Marquardt: „Fine permesu, ke mi aldonu ankoraŭ mian personan dankon pro la mirinde preparita programo dum nia restado en Wien. La akcepto ĉe la registara prezidanto kaj la solena malfermo de la Muzeo estis travivaĵoj, kiujn mi neniam forgesos. ."

**S-ino Marco-Graz:** „Mi gratulas pro via honorigo . . . Tiu titolo estas fierigo por ni ĉiuj aŭstriaj e.-istoj."

En pli-malpli longaj artikoloj raportis: Litova Esperanto-Revuo (n-ro 3), Lingvo Internacia-Athen (n-ro 2, 4 paĝan artikolon kun paroladoj de ĝen. dir. Bick, reg. kons. Steiner kaj Prezidanto Miklas); „La Croix"-Paris (4. aŭg.).

**Krome raportis:** Das Neue Reich-Wien (n-ro 3), La Dépêche-Grenoble (8. 8.), L' Amitié Francaise-Paris (11. 8.), Danziger Zeitung (7. 8.), Fyns. Social-Demokaten en Odense (Danujo), Neue Warte am Inn (15. 8.), L'Ere nouvelle-Paris (16. 10.), Detroiter Abend-Post-Detroit, USA. (31. 10), Düsseldorfer Nachrichten (2. 9.), Freie Presse-Lodz (22. 10.), Die Menschheit-Stuttgart (22. 9.). Burgenländische Freiheit-Sauerbrunn (26. 9.) Il Piccolo-Alessandria (21. 9.).

Mi profitas el la okazo por plej kore kaj amike gratuli s-ron Steiner, kiu ja plene meritis la distingon. Mi tiom pli ĝojas, ke la ŝtatestro scipovis pli ĝuste kaj juste kompreni lian valoron, ol la esperantistaj blufuloj . . . Grenkamp.

## E.-Instituto en Ŝanghajo.

La nacia registaro en Nanking decidis laŭ propono de l'ministro por popolinstruado Ĉaj Dzuan Pej, rektoro de la Pekina Universitato, krei Esperanto-Instituton en Ŝanghajo. La celo estas krei kadron de E.-specialistoj por kultura interligo de Ĉinujo kun la cetera mondo. Oni aranĝas 3-jaran kurson ĉe la universitato por 120 studentoj kun ĉiutage 4-6 instruhoroj. La programo enhavas skribadon, legadon, verkadon en E., historion de E., instrumetodojn, tradukon de ĉinaj sciencaj verkoj E.-en kaj de alilandaj E.-verkoj en ĉinan lingvon. Post finstudo la ekzamenitoj estos dissendataj al diversaj lokoj de Ĉinujo por praktika laboro, instruado, interligo kun eksterlando.

**Universala E.-Kongreso en Azio.**

S-ano J. Sakuraj en „Verda monod“ opinias, ke jam venis la tempo, ke Universala Kongreso okazu en Azio, kaj esperas tion kiel eble plej baldaŭ.

**Mondjunularo Katolika (MOKA).**

En decembro ĉi tiu erganizo festis la datrevenon de sia dokfara ekzisto. En 1918 ĝi eldonis la gazeton „Blanka Kruco“ kaj de 1928 apartan dumonatan organon „La juna batalanto“. Redaktoro estas la fervora pastro Solzbacher, Köln, Dagobertstraße 28. Ni gratulas.

**LEA kaj SAT.**

Laŭ Kontrakto de Göteborg inter Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT) kaj la Laboristaj Esperanto-Asocioj (LEA) de la diversaj landoj, kiun Aŭstria Laborista Ligo Esperantista (ALLE) konsentis en sia Ligoplenkunveno 1929: Ĉiu laboristo-esperantisto klopodu kiel eble plej intimigi la rilatojn inter ambaŭ organizoj; SAT principe plenumos la praktikan laboron pere de E. kaj la Landaj Organizoj la propagandon por E.; SAT eldonu ĉiujn E.-lingvajn presaĵojn, LEA tiujn por propagando kaj instruilojn en sia nacia lingvo; ĉiu LEA elektu po unu membro kiel konstantan interliganton kun SAT-estraro, en kiu li estas samtempe „konsilanta“ membro; pro forigo de la nuntempaj malkomprenoj en ĉiu LEA-grupo estu SAT-rondo, kiu faros la praktikan laboron por SAT en la kadro de la grupo; estas dezirinde, ke ĉiu SAT-ano estu samtempe LEA-ano kaj reciproke; unu varbu por la alia.

(Laŭ „Socialisto“)

**Faka revuo en Esperanto.**

Internacia Transportlaborista Federacio (ITF) en Amsterdam dissendis E.- lingvan cirkuleron al siaj membroj interesiĝantaj pri E., kies ekstrakto estas:

„E. estis akceptata kiel unu el la lingvoj, en kiuj la sekretariejo korespondas; en la diverslingvaj gazetoj de ITF aperis regule E.-rubrikoj kaj per tio estis vekata intereso al E. en niaj rondoj. Nun ni estas pretaj, konsiderante la ĉiam kreskantan intereson al E., iri gravan paŝon antaŭen kaj proponi al ITF.- estraro, ke ĝi pripensu la eldonon de monata gazeto tute E.lingva. La eldono sendube servos al la interesoj de ITF, sed tamen ĝi havas gravan signifon por la E.-movado. Nia intenco estas efektivigebla se 1500 abonantoj pagos pojare sv. fr. 2.50. Informojn petu de ITF., Vondelstr. 61, Amsterdam-West.“

**Unuiĝo de esp. virinoj.**

Dum XXI-a la virina kunveno decidis unuigi la virinfortojn esp.-istajn por:

1. helpi por akiri rajtojn al la virinoj
2. antaŭenhelpi la pacmovadon.

Estas nepre dezirinde, ke ankaŭ aliĝu knabinoj kaj junulinoj. Informojn donas s-ino N. Kozma, Budapest, VI., Andrássy ut 5.

Al gesinjoroj **John Merchant**, prezidanto de ICK. kaj membro de Intern. Honora Komitato de IEMW. naskiĝis fileto. Ni elkore gratulas!

IEMW. AEA. AE.

Nia granda hungara propagandisto kaj ĉefdel. de UEA en Budapest **Paul Balkány** ka j edzino Heleno gepatriĝis. Koran gratulon! Fileto Georgo prosperu!

**Marie Hankel †**

Preskaŭ 86-jara ŝi iris for el nia mondo, kvazaŭ simbole en la unua horo de l' 15. decembro 1929, la 70-a naskiĝtago de d-ro Zamenhof, kaj ĝis ŝia fino ŝi interesiĝis pri la Dresden-a grupo, kies kunfondintino ŝi estis, esprimante la esperon, ke ŝi povos partopreni la germanan kongreson je Pentekosto.

Marie Hankel, aŭdinte en 1905 la unuajn vortojn pri E., tuj entuziasmiĝis pri ili kaj aliĝis al la unua rndo de esp.-isto en Dresden; 1906 ŝi helpis fondi societon Eperanto en Dresden kaj de tiam senlace laboris en ĝi; ŝi estis unu el la organizintoj de Univ. E.-Kongreso en Dresden 1908 kaj reprezentis la Dresdenajn kaj germanajn esp.-istojn en multaj kongresoj kaj aliaj okazoj. Ŝi donis per fondo de „Esperantista Literatura Asocio“ al la E.-movado dum multaj jaroj kvazaŭ literaturan centron valoran por la boneco de nia lingvo. En 1909 Marie Hankel estis reĝino en Floraj Ludoj en Barcelona. La kara mortintino depost januaro 1909 ĝis la lundo antaŭ ŝia morto ĉiulunde gvidis

sian Orientan Grupon de Loka Societo-Dresden kun ĉiam sama fervoro kaj multa amo!

Marie Hankel estis Honora Membro de Germana E.-Asocio kaj Loka Societo-Dresden kaj posedis la Honorstelon de GEA.

Ŝi ripozu en paco kaj kiel lumis al ŝi surtere la bela verda stelo, pri kiu kantis ŝia poemo, tiel lumu al ŝi nun la eterna lumo!

*

Ĵaŭdon, la 19. dec. en la kremacia halo multaj s-anoj ĉirkaŭis la ĉerkon de Marie Hankel, ornamita de verdstela flago kaj amaso da belaj florkronoj, inter ili bela kuseno el blankaj azaleoj kun kvinpinta stelo el freŝverda musko, dediĉo de GEA. kaj Loka Soc.-Dresden, kaj grandaj laŭkronoj de Saksa Ligo, Germ. E.-Instruistaro, Orienta Grupo-Dresden kaj E.-Junularo-Gohlis. Orgeno ludas Mozart, violono (J. Engst) kantas „Esperantujo“ laŭ melodio de Ménil, germana psalmo kondukas al la parolado de l'pastro, kies teksto estis: „Tiuj, kiuj konsilas al paco, kreas ĝojon“. Post kanto de Haleluja de Mozart (Helga Kolbe) parolis nome de GEA. ICK. kaj UEA. d-ro Heinrich Arnhold, laŭde honoris la meritojn de la kara mortintino; la prez. de Loka Soc.-Dresden Johannes Karsch esprimis la sentojn de la Dresdenaj s-anoj kaj lernejestro Hahn parolis por Germana E,-Instituto, instruistaro kaj E.-lernejinfanoj. Preĝo kaj beno de la pastro, poste la kanto de Marie Hankel „La bela verda stelo“ laŭ melodio de Cl. Braun kantita de Celeste Pollatz, kiu ankaŭ dum la malsupreniĝo de la ĉerko kantis nian himnon. Po tri manoj da floroj miksitaj kun verdaj steletoj la s-anoj faligis en la profundaĵon kaj tiel adiaŭis sin de sia kara avinjo.

*

La familio kaj Loka Societo Dresden ricevis amase kondolencojn. IEMW., AEA. kaj AE ne mankis! Ili ankaŭ ĉi tie publike kondolencas!

La Dresdenaj gazetoj publikigis la bildon de Marie Hankel kaj artikolojn.

*

Loka Societo-Dresden aranĝos la 17. de januaro memorfeston al sia eminenta membro kaj estonte ĉiam la 15. decembro duoblan memortagon, por Zamenhof kaj Hankel, niaj modeloj en la celado al la bono de la homaro!

## D-ro Stefan Mikolajski. †

D-ro Stefan Mikolajski mortis la 27. de nov. 1929 en sia 68. vivjaro en Lwów. Li naskiĝis en Kraków, kie li faris siajn studojn en gimnazio kaj Jagielona Universitato. En 1901 li translokiĝis al Lwow, kie li ludis gravan rolon politikan, fariĝis senatano, estis kunredaktoro de taĝjurnalo Kurjer Lwowski kaj eldonis socialmedicinan gazeton „Glos Lekarzy‘.

Ellerninte en 1908 Esperanton li sola eldonis 1909 la unuan medicinan ĵurnalon en E., „Voĉo de kuracistoj“, kiu tiam atingis preskaŭ 1000 abonantojn. Pro manko da mono en 1911 li devis ĉesi la pluan eldonadon. 1912 M. estis elektita prezidanto de VIII. Univ. E.- Kongreso en Kraków kaj kun granda funebro ni memoras la afablan homon, kiun nia movado nun perdis. Li ripozu en paco! Steiner

## Hungara pioniro Török Peter.

Fine de nov. 1929 mortis en Debreczen la 73-jara hungara E.-pioniro prof. Török Peter, L. K.

Interese, kiel li fariĝis esp.-isto. Iutage studento lin demandis, ĉu valoras lerni E.-on. Prof. Török respondis, ke li povos tion diri nur kiam li scios, kio estas E. Tuj li aĉetis lernolibron, kiun li trastudis ĝis la alia tago. De tiam li estis fervora pioniro por E. El liaj verkoj estas konataj „Esperanta sintakso“ kaj „Porĉiama kalendaro“.

Ĉe lia enterigo diris s-ano doktoro Zempleni: „La juna generacio sekvu lian ekzemplon laŭ devizo: bona, helpema kaj fidela ĝis la morto“.

---

Ĉiu afable sendu al ni eltranĉojn el ĉiuspeca gazeto koncerne E.-on, sed oni skribu sur la eltranĉaĵon la precizan nomon de la koncerna gazeto kaj la aperdaton de la noteto. Ni uzos la enhavon por AE kaj transdonas la eltranĉaĵojn al IEMW.

## Pastro Anton Maria Schwartz †

La 15. sept. mortis en Wien modesta homo, P. Schwartz, kiu estis unu el la malmultaj pioniroj sur la kampo de socia laboro, al kiu li vokis la kristanan popolon. Li fondis Katolikan Unuiĝon de Metilernantoj kaj post kelkaj jaroj sian Kongregacion por la Kristanaj Laboristoj (Kalasantinoj), kies unua general-superioro P. Schwartz fariĝis.

Ankaŭ la esperantistoj funebras pro lia morto, ĉar la mortinto estis granda favoranto kaj subtenanto de Esperanto. En paroladoj kaj eĉ predikoj li ofte akcentis la signifon de la internacia lingvo Esp. por la katolikaro. Depost 1922 en Calasantinum (domo de Kalasantinoj) okazas ĉiujare E.-kursoj, nuntempe gvidataj de l'agema frato Villanova.

### Gravaĵoj.

**10. Proletara E.-mondkongreso** okazos la 10. aŭgusto 1930 en London.

**8-a kongreso de LEA por la germanaj regionoj** je Pasko en Essen.

**Brita E.-kongreso** okazos 6.—9. junio 1930 en Nottingham.

**Hungarlanda Katolika E.-Societo.** La nova societo, kiun prezidas parlamenta deputito Matthias Frühwirth, komencis viglan laboron kaj pro tio oni povas kun ĝojo esperi, ke la grava laboro de Katolika Mondkongreso en Budapest 1930 bone estos farata.

**Hungara Esp.-Societo Laborista** festis la 15. datrevenon de sia fondiĝo. Ni kore gratulas! La nova ejo de la Centro kaj librovendejo estas Budapest, VIII. Jozsefkörut 50, II. 9.

**Aŭstria Esperanto-Asocio**
I. Augustinerstraße 7

## Al la grupoj en Aŭstrio!

La preparaj laboroj de la subskribita komitato etendiĝis ĝis la finpreparo de la statutoj. Ĉi tiuj estos sendataj en venontaj tagoj al la estraroj de AEA. kaj AED. por prijuĝo kaj post interkonsento al ĉiuj grupoj por prijuĝo kaj pritrakto.

Bernfeld, Ĉech, Klečka, Sós, Struska, Szekely.

### Atentu!

Laŭ instigo de E.- societo por Stirio, grupo Graz, ni skribis al Patro Ĉe, ĉu li povas veni por fari propagandon kaj gvidi kursojn ĉe ni en aŭtuno. Samtempe ni petis informon pri la elspezoj. Grupo Graz petis 14 tagan kurson en Graz. Kiu grupo ankaŭ havas intereson por tia kurso, skribu al ni. La kostojn ni poste sciigos al tiuj grupoj.

## Instruistoj-esperantistoj!

Informigo de la kolegaro pri celo kaj disvastiĝo de la E.-movado urĝe necesas! Ĉiu unuopa nuntempe jam sin povas disponigi en la servon de aktiva varbado kun sia tuta personeco kaj, kie necesas esti standardisto de progreso, ĝuste la instruisto devas esti en la plej antaŭa vico. Ĉiu el ni de tempo al tempo liveras artikolon klerigan al niaj fakĵurnaloj, klerigajn artikolojn kun mallongaj aktualaj informoj. Laŭsperte la redakcioj volonte akceptas tiajn kunlaborojn, sed mankas ofte nur la kunlaborantoj. En konsento kun Tutmonda Asocio de Geinstruistoj E.-istaj (TAGE), E.-Unuiĝo de Germanaj Instruistoj kaj E.-Unuiĝo de Saksaj Instruistoj la subskribinto estis instalanta „Informservon" kun la celo, provizi niajn ĵurnalojn porinstruistajn kun artikoloj kaj aktualaj informoj. La nomitaj organizoj certigis min pri sia energia kunhelpo. Kiu deziras kunlabori, kiu deziras taŭgajn artikolojn por ĵurnaloj porinstruistaj, skribu al la suba adreso aldonante 20 gr por respondafranko. Aliĝu ankaŭ al nia fakorganizo TAGE kun kotizo da Ŝ 5.—, por kiu vi ankaŭ ricevos Int. Pedagogian Revuon por la tuta jaro.

Hans Jungschaffer, Ried i. I., O. Oe.

### Aŭstria Radio-Ligo kaj Esperanto.

De 4.—6. n. m. Oesterr. Radio-Bund (ARL.) okazigis ekspozicion, en kiu al E. estis dediĉita rimarkinde vasta spaco. La E.-materialon laŭ perado de ELKA. disponigis AEI. Speciale interesa ekspozaĵo estis la korespondaĵoj de du komencantinoj el

18 resp. 20 landoj, kiujn ili ricevis fininte trimonatan kurson de Kleines Volksblatt post unufoja anonceto en Heroldo de E. (f-inoj Fritsch kaj Tiefenbacher). La unuan fojon ĉe Radio-ekspozicio la esp-istoj havis ankaŭ okazon paroli dum du tagoj per mikrofono al multnombra publiko preterirante la domon. Parolis Smital pri „Radio kaj E. en lernejoj", ELKA-estro Formanek „Patronia kaj religia kanto", reg. kons. Steiner „IEMW.", Bischof „Laboristaro, Radio kaj E.", f-ino Fritsch „E. kaj trafiko". La grandan komplezon al E. ni dankas speciale al ARL.-sekretario Wallaschek.

## Zamenhofa festo.

Societo „Danubio" invitis la Wien-ajn grupojn al komuna Zamenhofa festo en sian hejmon, la 16. dec. 1929. IEMW. estis disponiganta la flagon, kiu flirtis jam de la kongresejo en Boulogne sur Mer en 1905. Prez. Ĉech salutis la reprezentantojn de IEMW., AEA kaj AED. kaj aliajn gastojn. D-ro Sós alparolis la s-anojn kaj deklamis jenan de li verkitan poemon:

### Brilu bela verda stel . . .

Brilu bela verda stel'
Sur ĉiel' h mara;
Brilu hele vi simbol'
De frateco kara.

Fratoj el la tuta mond'
Flirtu la standardo!
De l'gvidant' al sankta cel'
Estas ni la gardo.

Sonu nia forta vok'
En la vasta sfero:
Vivu interkompreniĝ'
Sur la tuta tero!

Al amika harmoni'
Estu la peranto
Nia glora, majstra verk'
Vivu Esperanto!

Al ĉi tiu poemo s-ro Richard Mekyska verkis la muzikon kaj ludis ĝin la saman tagon sur la orgeno de „Anker"-horloĝo, Wien, I. Hoher Markt. Ĝi estas dediĉita de la aŭtoroj al la prez. de ICK s-ro John Merchant. La fest-paroladon faris s-ro Hovorka. D-ro Weingast recitis malnovajn poemojn pri nia Majstro kaj E. Per Himno finiĝis la festvespero, kiu manifestis la novan unuecan kaj harmonian kunlaboradon de la Wien-a kaj tutaŭstria esp.-istaro.

## Ludwig Perneg 70-jara.

Nia malnova s-ano Perneg en Eggenberg bei Graz, naskita la saman tagon kiel nia Majstro, fariĝis 70-jara. Je tiu okazo E.-Societo por Stirio festis ambaŭ naskiĝtagojn kune — tiun de l'mortinta Majstro kaj tiun de nia fervora Perneg, kiun ili krome honorigis per bronza busto de Zamenhof kaj florkrono.

AEA kaj AE, fine mi persone, elkore gratulas s-anon Perneg kun la ega deziro, ke li oftege ĝisvivu tiun tagon. Steiner.

*

Estas al mi kordeziro danki sincere al mia altŝatata Societo kaj la aranĝintoj pro la min ege ĝojiga honorigo. Ludwig Perneg.

---

La liglanda prezidanto eknomis nian s-anon **prof. Ewald Brabbée** „registara konsilanto". Ni elkore gratulas nian s-anon, fame konata en la stenografista tutmondo.

Iomate malfruigite sed tamen elkore ni gratulas al nia fervora s-ano **Franz Vasta** kaj edzino okaze de ilia geedziĝo.

Geedziĝis nia s-ano **d-ro Karl Postl** kaj f-ino **kand. jur. Melly Elstermann-Elster** la 9. de januaro en Hofburgkapelle en Wien. Elkoran gratulon!

**Fakinstruisto A. Neumair** translokiĝis kiel direktoro de ĉeflernejo al Lend en Salzburg;

**Instr. Fr. Brückl** kiel lernejestro al Streifing, Post Neubau. Gratulon!

Mortis la 3. de januaro eksdirektoro de reallernejo **Friedrich Bock**, 71-jara Li estis fidela kaj fervora esperantisto. Ni lin memoru bone! Kondolencon al la familio.

La 8. XII. 1929 mortis la patro de niaj ges.-anoj **Ricci** kaj **Heinrich Schicketanz**, s-ro dir. Adolf Schicketanz. Al la familio nian elkoran kondolencon.

## INVITO
al novfondota kantista unuiĝo.

Gesamideanoj, en Wien, dezirantaj aliĝi al novfondota kantista unuiĝo, estas kore invitataj veni vendrede, la 24-an de januaro, je 20 h. en kafejon Frauenhuber, I., Himmelpfortgasse 6. (Klubejo de UEU.)

**Braunau am Inn**: Novelektoj en la E.-grupo: Osw. Joh. Haselbauer — prez., Alois Hörndlinger — kas., Josef Hofmann — sekr.

**Braunau am Inn**: Kurson gvidas en la ejo Hotel Fink f-ino Haselbauer.

**Krems**: De la 9. jan. ĉiujaŭde je la 8-a vesp. P. Fr. Meŝtan faras en la kunvenejo de la E.-grupo (Bundesrealschule) instru-prelegojn kaj gvidas en „Lehrlingsheim des n. ö. Landesjugendamtes“ ĉiulunde je la sama tempo E.-kurson.

**Mattighofen**: Kurso gvid. de O. Haselbauer el Braunau; kunhelpis UEA-del. Josef Sax, 4 gazetoj raportis.

**Mauerkirchen**: Kurson gvidas Oswald Haselbauer, UEA-del. en Braunau; la preparojn kunhelpis instruistino Leop. Koneberg.

**Oberschützen** (Burgenland): Profesoro Morascher gvidas de ministerio p. instruaferoj konsentitan E.-kurson en realgimnazio kun 30 stud.

**Sigmundsherberg**: La 13. dec. okazis la ĝeneralkunveno de la loka grupo. Estis elektataj eksdir. Wolf — prez., fervojofic. Haubner — viceprez., s-ro Bräunl — kas., instr.-ino Klein — afergvid. S-ro Frittum estas kursgvidanto de la grupo. La nova kurso estas bone frekventata.

**Wien. Danubio**: 2. XII. okazis parolado de d-ro Mildwurf „Krizo de l' parlamentarismo“, la 9. XII. tiu de s-anino A. Berger „Fama angla poeto Shakespeare“.

**Wien. Bohema Klubo E.**: Kurso por komenc. kaj dua perfektiga.

**Wien. „Verda Angulo“** kunvenas merkrede en kafejo Hrdy, XVI., Ottakringerstr. 119.

**Wien. Unua E.-Unuiĝo**: Vendrede kunvenoj kafejo Frauenhuber, I., Himmelpfortg. 6.

**Wien. Aŭstria Kat. Ligo E.**: 15. XII. E.-meso kun prediko de priora moŝto P. Nedwid.

## ESPERANTO-SOCIETO POR STIRIO
Graz, VI., Schönaugasse 6.

**(1) „Mitteilungen des Esperanto-Vereines für Steiermark“.** — Zufolge Vereinbarung mit ‚A. E.‘ werden die Mitteilungen der Vereinsleitung und der Ortsgruppen von nun an nur mehr an dieser Stelle veröffentlicht. Die Herausgabe der durch 10 Jahre im Eigenverlage erschienenen „Mitteilnngen“ wurde mit Ende 1929 eingestellt.

**(2) Hauptversammlung.** — Auszug aus der Verhandlungsschrift der 24. ordentlichen Hauptversammlung vom 12. XII. 1929: Tätigkeitsberichte wurden erstattet von der Vereinsleitung, von den OG Graz und Leoben und von H. Schulrat Schöpfer (Voitsberg). In die neue Vereinsleitung wurden die laut Nr. 3/4 (Okt. 1929) der Mitteilungen vorgeschlagenen Personen gewählt; die Aemterverteilung erfolgt in der Leitungssitzung vom 27. XII. 1929. Mit Rücksicht auf die im Zuge befindlichen Verhandlungen über eine Einigung der Wiener Esperanto-Organisationen wurden vorläufig keine Vertreter für den Vorstand und den Beirat des Oe. E. B. bestimmt: die Vereinsleitung wurde beauftragt, diese Verhandlungen zu verfolgen, ohne sich daran zu beteiligen. Als Vereinsorgan wurde wieder A. E. bestimmt; Pflichtbezug für die ord. Mitglieder der OG Graz. Nach dem Referat des Schriftführers über „Die Ziele unseres Vereines als neutralen E.-Verein“, dem eine lebhafte Wechselrede folgte, wurde beschlossen, daß der Verein sich der eben gegründeten Landeskommission für Fremdenverkehr zur Verfügung stelle, da er es als eine seiner besonderen Aufgaben ansieht, für das Land Steiermark ohne Rücksicht auf die politische oder religiöse Einstellung seiner Bewohner durch Esperanto Freunde zu werben. Weiters wurde beschlossen, die Propaganda in nächster Zeit besonders auf die Eltern der jetzt Esperanto lernenden Hauptschüler zu erstrecken, Spenden zur Deckung des Wiener Defizits zu sammeln und die Mitgliedschaft zum Deutschen E.-Bund, zrm Landesverband für Fremdenverkehr in Steiermark und zur Grazer Urania aufrechtzuerhalten. Zu Protokollbeglaubigern wurden die Herren Turk und Wallner gewählt. Der Hauptversammlung wohnten außer den stimmberechtigten Personen auch Mitglieder aller 3 Grazer Esperanto-Vereine und der U. E. A.-Del., H. Dürschmid, bei. Bartel.

**Graz** Loka Grupo kunvenas ĉiuĵaŭde 20h en gastejo „Pastete“, Sporgasse. — Programo: 17. I., 14. II., Estrarkunsidoj. — 23. I., 20. II. Monatkunvenoj. — 30. I., 6. II., 13. II. Prelegoj, diskutoj, ekzercado.

## Por la deficito de XVI.

| | | |
|---|---|---|
| E.-Gruppe „Fideleco“-Wien | S | 40.— |
| Ges. Wipplinger-Wien | „ | 10.— |
| Prof. Casari-Mödling | „ | 5.— |
| Fakinstr. Jungschaffer-Ried | „ | 5 — |
| Komerc. J. Hellwagner-Ried | „ | 3.— |
| Kont. J. Ecker-Ried | „ | 2.— |
| D-ro Leo Scheuer-Sigmundsherberg | „ | 4.80 |
| Mag. A. Taussig-Wien | „ | 2.— |
| Eksĉefinstr. Kraft-Wien | „ | 1.20 |
| Fr. Karat-Knittelfeld | „ | 3.— |
| sume | S | 76.— |
| jam anoncita en n-ro 12/29 | „ | 36.14 |
| entute | S | 112.14 |

Dankon kun la peto, ke aliaj sekvu! Steiner.

## Kie oni rekontas E.istojn?

**Graz.**

Esp.-Verein für Steiermark, Geschäftsstelle (oficejo) Schönaugasse 6/II, Vereinsheim (kunv.) „Pastete", Sporg. 28, Do(ĵ) 20-23 h.

**Leoben.**

Esp.-Verein für Steiermark: Cafe Weidbacher, Dienstag (ma) 20—22 h.

**Innsbruck.**

Esperanto-Klub, Gasthof „Grüner Baum", Museumstraße. Do (ĵ) 20—22 h.

⊙

**Wien.**

Katolika Unuiĝo E.-ista en Wien, I. Schottenhof (Akademikeheim) Mi (me) 18.00 - 20.00 h.
Esp.-Unuiĝo-Wien, I. Himmelpfortg. 6 (kafejo Frauenhuber), Fr. (v.) 19.30 h.
Aŭstria Pacifista Esp.-Societo, IV., Schäffergasse 3, Mi (me) de 19 h.
Esp.-Verein der städt. Angestellten Wiens, IV., Schäffergasse 3. ĉiutage 17—19 h.
E.-Soc. „Danubio", VII., Neubaugasse 25 (kafejo Elsahof), Mo (1.), 19.30 h
Viena Akademia Unuiĝo Esp., VII., Neubaugasse 25, Cafe Elsahof, Mo (1) 19—23 h.
Esp.-societo „Fideleco", Währinger Bürgercafe, XVIII., Staudgasse 1, Di (m) 16-19 h.



Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Regierungsrat Hugo Steiner, Bisamberg 248. — Presejo: Samuel Falk, Wien, XIII, Nobilegasse 4.